***

C'était trop simple, trop clair.

On continua à admettre les opinions les plus incohérentes.

Max Müller mentionne ce fait qu'Eunonius accusa saint Basile de nier la Providence, parce qu'il ne voulait pas admettre que Dieu eût créé les noms de toutes choses, et attribuait l'invention du langage aux facultés que Dieu avait mises dans l'homme.

Ce fut le président de Brosses qui reprit, comme point de départ, les propositions de Lucrèce.

Aujourd'hui nous savons que nous sommes les propres fabricants de nos langues; il faut être dominé par une incurable ataxie mentale pour prétendre que nous ne pourrions plus toucher à ce qui a été en perpétuel travail humain.

Nous laisserons ces ataxiques s'amuser comme ils peuvent; et nous pousserons de l'avant pour la réalisation de cet admirable organe qui s'appelle: la langue seconde, la même pour tous.

Dans notre article prochain, nous examinerons à quels jeux de hasard, à quelle incohérence sont soumises nos langues actuelles. Nous verrons leurs déformations; nous dirons quelques monstruosités linguistiques, sans aucun autre souci que la recherche de la vérité, simple, et belle parce que simple.

Commandant Ch. Lemaire.

***

Tio estis tro simpla, tro klara.

Oni daŭris akcepti la plej sensencajn opiniojn.

Max Muller citas tiun fakton: Eŭnonius kulpigis sanktan Bazilon pro ke li neigis la Providencon, ne akceptante ke Dio estis kreinta la nomon de ĉiu objekto kaj aljuĝante la elpenson de la parolo al kapableco donita de Dio al homo.

La prezidanto « de Brosses » ree turnis la atenton al la proponojn de Lukreco, kiel fundamenta punkto.

Hodiaŭ, ni scias ke ni estas la propraj farantoj de l' lingvoj; kiu deklaras ke ni ne plu povas tuŝi tion, kio estas estinta en senfina homa laborado, tiu estas certe premigita de nekuracebla spirita ataksio.

Ni lasas tiujn ataksiulojn sin amuzi laŭ ilia kapableco; kaj ni marŝos antaŭe por la realigo de tiu admirinda organo kiun ni nomas: la dua lingvo, sama por ĉiuj.

En proksima artikolo, ni ekzamenos al kiaj hazardaj faktoj, al kia sensenco, obeas niaj lingvoj. Ni vidos iliajn aliformiĝojn; ni raportos pri kelkaj lingvaj monstraĵoj, nur zorgante por trovi la verecon, simplan, kaj belan ĉar simplan.

Komandanto Ch. Lemaire.

*Tradukis Jos. Jamin.*

---

## PRI LA DIVERSAJ METODOJ POR INSTRUI LINGVON.

Esperanton lernas nur personoj, kiuj havas la moralan forton forskui de si malnovajn antaŭjuĝojn.

Ankaŭ en la instruado, multo da antaŭjuĝoj regas; kaj, kiel en ĉiu alia fako de la civilizacio, treege malhelpas la rapidan progresadon.

Laŭ la sama metodo, kiu utilis nek al la avo, nek al la patro, la filo eklernas fremdan lingvon, kiun li neniam povos paroli.

Ni esperas ke baldaŭ multaj Esperantisloj faros sin lertaj profesoroj d'Esperanto. Nu, por ke ĉiu povu juĝi, kiu el la plej uzataj metodoj estas la plej rapida kaj fruktodona por la instruo de nia lingvo, ni intencas prezenti tie ĉi saman lecioneton laŭ tri bone konataj metodoj.

Ni proponas montri, kiamaniere oni instruas la lernantojn pri ia praktika subjekto, ekzemple, pri *trinki kaj trinkaĵoj.*

***

### Laŭ la traduka metodo.

En traduka libro, enhavanta gramatikon kaj ekzercaron, ni trovas la subjekton miksatan kun multo da aliaj, sed kompreneble pleje traktatan sub la titolo de la afikso aĵ.

Jen speco de ekzerco, kiel vi certe en via juneco faris por la lernado de ia ajn fremda lingvo:

« La akvo estas trinkaĵo. Vi parolas pri sensencaĵoj. Ĉu vi trinkis kafon kun kuko aŭ teon kun sukero? Cesaro estis granda generalo. Ne petolu, mia amiko. Via kafo estas malvarma. Lia riĉeco estas pli granda ol lia spriteco. Via vino estas malbona acidaĵo. La biero de la reĝa ĝardenisto estas iom pli acida ol la biero de la najbaro de mia onklo. Ĉu vi kuraĝas danci sur la kapo de elefanto? Mi tre ŝatas trinki ĉokoladon, k. t. p. »

Antaŭ tia ekzerco oni ĝenerale donas gramatikan regulon kaj vortaron. Tamen, pli bonaj libroj laŭ tiu ĉi metodoj prezentas ilin nur poste. Ĉiuokaze, la lernantoj devas nun scii sufiĉe pri la subjekto por traduki el sia nacia lingvo la jenan temon:

« Le ciel est bleu. Je bois du vin. Le café est-il une boisson? Tous les parapluies de ce peuple héroïque sont usés. Ne buvez pas ce vinaigre! Le jardinier du roi est déjà mort, etc. »

Ni akceptas ke, farinte tiajn ekzercojn, la lernantoj bone scios la instruotan gramatikaĵon kaj faros eĉ bonan samspecan tradukon. Sed grandega estas la malsameco inter koni la gramatikon kaj koni la lingvon, ĝin libere skribi kaj paroli! Do tie ĉi ni demandas:

Kio el tiu terura ekzercara kaoso restos en la cerbo de la lernantoj?

***

### Laŭ la senpera metodo.

La principa karaktero de tiu ĉi, ankaŭ nomata natura metodo, estas ke la profesoro kaj la lernantoj parolas nur la instruotan lingvon. Oni senĉese faras ĉiun esprimatan agon, montras la naturan objekton, kaj, kiam tiu ĉi mankas, bildon aŭ bildaron.

Ni do malfermu lernolibron laŭ la senpera metodo. Ha! ĉi tio ĵus trafas nian celon: *manĝaĵoj kaj trinkaĵoj.* Ni elĉerpas el la leciono:

« Ni trinkas akvon, lakton, teon, kafon. Akvo, lakto, teo, kafo estas trinkaĵoj.
,u pano estas trinkaĵo ? — Ne...
Ĉu la tablo estas manĝaĵo ?
Tiu ĉi objekto estas glaso. Ĉu vi ankaŭ estas glaso ? !
La biero ne estas manĝaĵo. Kio ĝi estas ?
Ĉu oni manĝas trinkaĵojn ? Ĉu oni trinkas manĝaĵojn ?
Ĉu mi trinkas vinon el sitelo ? Kiaj bestoj trinkas el sitelo ? k. t. p. »

Tiu ĉi metodo, kvankam laciga por la profesoro kiu ĝin praktikas konvene, estas bonega por paroligi la lernantojn. Multo da demandoj, multo da respondoj ; materialoj el la simpla vivo. Sed :

1e ofte la lernanto ne tuj komprenas la signifon de ia nova vorto ;

2e la kvanto da nomoj instruataj multe superas tiun da v.rboj ;

3e la lernanto ne ĉiam trovas la taŭgantan respondon ;

4e la demando kelkfoje estas pli artefarita ol natura ;

5e la malordeco en la idearo malordigas ankaŭ la memoron ;

6e Kion fari, se ne nur la natura objekto sed ankaŭ la bildo mankas ekzemple, por esprimi en ĝiaj frazoj ian moralan aŭ fizikan gravan okazintaĵon ?

***

### Laŭ la Guina metodo.

« *Mi trinkas, ĉar mi soifas.*
Glaso da akvo, estas sur la tablo.
Mi prenas la glason, mi alportas la glason al mia buŝo, mi klinas la glason al mia buŝo, mi trinkas la akvon, kaj mi metas la glason sur la tablo.
Nun mi ne soifas plu.

Jen estas faktoj. Faktoj nin regas de nia naskiĝo ĝis nia morto. Nia ĉiutaga vivo konsistas el faktoj, kiujn ni bone konas.

La Guina metodo (tiel nomata laŭ la nomo de ĝia elpensinto, Fr. Gouin), intencas utiligi tiun konataĵon por la ellernado de lingvoj. Nenian artefaritan frazaron ĝi uzas, tute ne ! Ĝi esprimigas la naturan idearon, kiun pri ĉiu ago la lernanto jam havas en sia cerbo.

Italo kiel Anglo, Japano kiel Brazilo, ĉiu mondano povas facile disaranĝi siajn agojn laŭ iliaj naturaj partoj kaj laŭ la plej natura ordo, la tempa ordo. Se kune kun la lernantoj, la profesoro faras tion, parolante nacie, ĉu ne ĉiuj tuj komprenos idearon kiel supran, esprimatan poste en fremda lingvo ? Ĉu ne ĉiuj rediros tuj la verbojn ? (La verbo, esprimante la vivon, estas la animo de la lingvo !) Kaj poste la lernantoj mem kunmetos la frazojn.

Ni aldonas gravan rimarkon : la idearo restos en la kapo, dank' al ĝia logika forto, dank' al la tempa kunligo inter kaŭzo kaj sekvo.

Kiam la lernantoj konos la supran fundamentan lecionon, per ŝango de nur paro da vortoj ili egale flue parolos pri : trinki glason da biero, da vino, glaseton da likvoro; trinki tason da kafo, teo, ĉokolado, aliaj trinkaĵoj.

Laŭ la Guina metodo, nur kiam la *spirito* rezonis, nur kiam la *oreloj* aŭskultis, kiam la *buŝo* jam parolis, tiam oni malfermas la lernolibron, por ke fine ankaŭ la *okuloj* helpu por fiksi la idearon en la kapo.

Kiam natura estas tia laboro ! Ĉu ne tiamaniere la infano lernas sian nacian lingvon ?

Ne per solaj vortoj, nur per frazoj, per ideoj !

Plie, legante, ĉar la lernanto jam antaŭe bone diris *glaso*, *prenas*, *buŝo* kaj aliajn malfacilajn vortojn, li trovas de si mem la elparolajn regulojn. Tiel trovita regulo estas neforgesebla.

Sama rimarko rilatas al la gramatiko : ĝi estas plej praktike instruata. Nur per supra ekzerco ni jam bone montros, ekzemple, la objektan literon *n*, — la inversion : sur la tablo staras... glason mi prenas... — ni faros demandon : ĉu la glaso staras ?... ĉu vi prenas ? — ni aldonos adjektivon : granda glaso da pura akvo... — ni uzos alian personon, tempon, k. t. p.

Ju pli da lecionoj estas farotaj, laŭ la Guina metodo, des pli facile kaj rapide la laboro progresas. Post kelkaj lecionoj, ĉiu kursano lerte dismetas kaj klarigas en Esperanto, kion li faras por lavi kaj vesti sin, por skribi leteron, forsendi komercaĵojn, vojaĝi, ludi, unuvorte, li esprimas siajn agojn, sian vivon.

Tiam oni povas frukte uzi la senpezan metodon por interparoli, ĉar la lernantoj jam posedas la unuajn materialojn de la lingvo. Ili eble parolos poste pri scienco, filozofio, k. t. p.

Sed ni ne forgesu, ke tiu kiu povas esprimi en la lernota lingvo ĉion kion li faras kaj vidas fari de l' mateno ĝis la vespero, sufiĉe bone konas la lingvon por progresi rapide per sia propra forto. De la *praktika* Esperanto, kiel de ia ajn nacia lingvo, la vivplena kerno kuŝas en

LA ĈIUTAGA VIVO !

FRANS SWAGERS.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

### KELKLINIAJ NOVAĴOJ.

La administracia konsilantaro de la Supera Lernejo de Komerco, en Lyon, decidis organizi serion da paroladoj pri Esperanto, por ĝiaj lernantoj. Sro Deronsière, profesoro de la Lernejo, faros la paroladojn.

El la regularo de la Internacia Konfederacio de la muzikistoj, akceptita je la 3a internacia kongreso de Milano dum 1906, ni elĉerpas :

« ART. 12. — La lingvo uzata por la federaciaj
» korespondoj estas la lingvo de la ricevonta lando,
» krom apartaj konsentoj aŭ materiaj malhelpoj ;
» en tiu okazo, la lingvo Esperanto fariĝos la
» *oficiala lingvo* por la skribitaj sciigoj. »

La ĝenerala kunveno de la Asocio de la Akademioj, kiu ekzamenos la demando pri akcepto de internacia lingvo, okazos en Londono je la 29a de majo.

Leŭtenanto Bayol kaj sinjorino Bayol faris esperantistan vojaĝon tra Francfort, Leipzig, Dresde, Reichenberg, Prague, Nuremberg kaj Stuttgart

En ĉiuj urboj, la samideanoj faris bonan akcepton al la vojaĝantoj; siavice leŭtenanto Bayol paroladis pri Esperanto kaj Ruĝa Kruco.

La urbestro de Douvres donacis premiojn por la kvar plej bonaj lernantoj de la Esperanta kurso. Laŭdinda ekzemplo, kiu eble disvastiĝos, almenaŭ ni esperu tion.

Ni deziras bonvenon al nova ĵurnalo sud-amerika, la Brazila Revuo Esperantista, kiu intencas eliri ĉiumonate. La revuo estas bele prezentita, en lingvoj portugala kaj Esperanto. La adreso de la redakcio estas: Rua da Assembléa, 46, Rio de Janeiro. Vidu ankaŭ la nomaron de la ĵurnaloj sur nia koverto.

La ĵurnalo « Germana Esperantisto » raportas detale pri demando farita al la grupo en Düsseldorf, de la ĝendarma leŭtenanto Jacques, el Laeken, kiu deziris ricevi oficialan certigon. Tio sukcesis, dank' al Esperanto.

La Esperantistoj, kiuj intencas prezenti proponojn pri temoj ekzamenotaj en la $3^a$ Kongreso, bonvolu sendi ilin al la prezidanto de la konstanta komitato de Kongresoj, 51, rue de Clichy, Paris.

Monkolekto estas organizata por helpi kelkajn blindulojn kiu kunvenos en la Kongreso de Kembriĝ. Oni povas sendi la donacan monon al la Direktoro de la ĵurnalo « Esperanta Ligilo » en Paris.

Ni memorigas al niaj legantoj ke la bileto por la Tria Kongreso kostas 10 frankojn. Oni rogas la partoprenantojn ke ili sendu ilian aliĝon kaj sciigon pri ilia alveno al la adreso: Kongreso, 2, Kings Parade, Cambridge.

Ni legis, en kelkaj ĵurnaloj, sciigojn pri la kosto de dormoĉambro kaj manĝoj dum la proksima kongreso sed ni ne povas certigi ilin: ekzemple, biletaro estas aĉetebla por dormoĉambro dum sep tagoj, por tagmanĝoj kaj vespermanĝoj dum nur kvin tagoj... sed oni ne montras kiel la kongresanoj sin nutros dum la aliaj tagoj.

Ni rekomendas, al niaj samlandanoj, legon de la ĵus aperintaj afiŝoj pri speciala rabato por la biletoj de transmara veturo dum la aŭgusta monato. Tiuj biletoj estas akireblaj por la vojaĝo Ostende-Dover aŭ Anvers-Harwich, ili valoros dum ok tagoj.

MOZANO.

---

## KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**Bruxelles**. — Le groupe des Aveugles de Woluwe, vient d'éditer une série de cartes postales illustrées au sujet de l'Institut de Woluwe. Une de ces cartes nous montre le comité du groupe entourant une vaste mappemonde, les autres représentent la société d'harmonie, les divers métiers enseignés aux aveugles, etc.

On peut se procurer ces cartes à l'Institut même, 72, Avenue Georges-Henri à Bruxelles; le coût en est d'un franc la douzaine.

**Arlon**. — Le journal « Echo du Luxembourg » nous apprend que le cours de M$^{elle}$ E. Lecointe a commencé le 6 mai dans la grande salle de l'Hôtel-de-Ville et a lieu le lundi et le mercredi dans le même local.

**Liége**. — Le lundi 6 mai, M$^r$ le lieutenant-colonel de Troyer, président du groupe espérantiste de Liége, a présenté les principaux éléments de l'Esperanto, dans une réunion organisée à l'Université. Après la conférence, M$^r$ de Troyer fit la traduction de textes divers et d'articles de « La Belga Sonorilo » avec la seule aide du dictionnaire et du résumé de la grammaire que l'on pouvait se procurer à la réunion.

**Bruges**. — Le 27 avril, a eu lieu au local du groupe espérantiste brugeois la fête annuelle du groupe. De gracieuses jeunes filles chantèrent diverses romances et récoltèrent des applaudissements enthousiastes; à la fin de la fête, le lieutenant Van Weyenbergh, secrétaire, au nom de tous les assistants, fit cadeau d'un beau souvenir à M$^r$ A.-J. Witteryck, le sympathique président, dont le dévouement est une garantie de succès.

**Bruxelles**. — La Woluwa Blindulgrupo Esperantista eldonas serion da poŝtkartoj ilustritaj pri la Instituto de Woluwe. Unu el tiuj kartoj montras al ni la komitaton de l' grupo ĉirkaŭantan vastan terglobon, la aliaj reprezentas la harmoni-societon, la diversajn metiojn instruitajn al la blinduloj, k. c.

Tiuj kartoj estas aĉeteblaj ĉe la Instituto, 72, Avenue Georges-Henri, Bruxelles; dekduo kartoj kostas unu frankon.

**Arlon**. — La ĵurnalo « Echo du Luxembourg » sciigas al ni ke la kurso de F$^{ino}$ E. Lecointe komencis de la $6^a$ de Majo en granda salono de la Urbadomo, kaj okazos ĉiulunde kaj ĉiumerkrede en sama loko.

**Liége**. — Je la lundo $6^a$ de Majo, S$^{ro}$ leŭtenanto-kolonelo de Troyer, prezidanto de la Lieĝa Grupo Esperantista, prezentis la ĉefajn elementojn de Esperanto en kunveno organizita ĉe la Universitato. Post la parolado, S$^{ro}$ de Troyer tradukis diversajn tekstojn kaj artikolojn el « La Belga Sonorilo » nur kun helpo de la vortaro kaj de resumita gramatiko aĉeteblaj dum tiu kunveno.

**Bruges**. — Je la $27^a$ Aprilo, okazis en loko de la Bruĝa Grupo Esperantista, la jara festo de l' grupo. Graciaj fraŭlinoj kantis diversajn romancojn, kaj rikoltis entuziasmajn aplaŭdojn; je la fino de la festo, leŭtenanto Van Weyenbergh, sekretario, je la nomo de ĉiuj alestantoj, prezentis belan donacon al S$^{ro}$ A.-J. Witteryck, la simpatia prezidanto, de kiu la sindoneco estas garantio de sukceso.

**Laeken.** — Le 26 avril, a eu lieu au groupe « La Semanto » la soirée de fermeture du second cours organisé par le groupe.

De nombreux membres du groupe « Pioniro » y assistèrent et apportèrent à la fête une animation sympathique. Le programme comprennait de la musique, du chant et de la déclamation; seuls les élèves du cours exécutèrent ce programme et recueillirent des applaudissements unanimes.

Entre la première et la seconde partie de la fête, M. Bero, élève du second cours, au nom de tous les élèves, remercia cordialement le professeur M. Luc. Blanjean; en même temps une fillette, Melle Vallez, lui présenta un superbe cadeau, en souvenir des réunions du cours.

M. Saucin, secrétaire de l'Université Populaire jetta un coup d'œil sur les résultats acquis grâce à l'activité du groupe, et le président M. Calais donna lecture d'une lettre du Comt Ch. Lemaire, qui, excusant son absence, se joignait de tout cœur à la manifestation en l' honneur de M. Blanjean. Le président attire encore l' attention sur l'importance du mouvement actuel et fit entrevoir les heureux résultats que nons avons l'espoir de recevoir de l'adoption d'une langue seconde, la même pour tous.

A son tour. M. Luc. Blanjean remercia les organisateurs de cette fête fraternelle, félicita les élèves sur leur assiduité et souhaita une ample moisson pour le grain semé.

La fête se termina fort tard, au milieu d'un joyeux enthousiasme.

**Antverpena Grupo Esperantista.** — De werkzame Antwerpsche groep heeft op Zaterdag 4n Mei, tot sluiting harer winterwerkzaamheden, aan hare leden een muzikaal en letterkundig avondfeest aangeboden.

Een uitgelezen publiek bezett'e de prachtige en ruime feestzaal der « Taverne Royale »; vooral waren vele esperantische damen bij het feest aanwezig, een bewijs, dat het Esperanto hoog geschat wordt door het schoone geslacht.

Nevens den voorzitter der groep bemerkte men de Brusselsche vrienden J. Jamin en L. Blanjean, de voorzitters der Berchemsche groep en van *la Verda Stelo* (Zurenborg) en het Antwerpsch komiteit. Dr Raym. Van Melckebeke wenschte de aanwezigen welkom en dankte van harte de verkleefde damen en Juffvrouwen, die hun welwillende medehulp tot het welgelukken van het feest verleenden.

Weldra streelde het lied « *Flugantaj revoj* » (P. Wachs) ons gehoor; het stuk werd gebisseerd, een klaar bewijs van de volmaaktheid, waarmede de bevallige Mevr. Jacobs het had gezongen.

Het geestig stuk « *Estas la kato...* » zeer levendig gedeklameerd door Jufvr. C. Giffroid, heeft iedereen veel genoegen gedaan.

Mevr. Jansen, wier talent de leden der groep reeds meermalen toegejuicht hebben, behaalde grooten bijval met de melodie « *Strofoj* » (Flégier) en de zoetluidende romance « *Lulila kanteto* » (Keurvels).

Even zeer toegejuicht waren het « *Ho, mia kor'...* » (J. Guivy) en het gedicht « *La Donaco* » (R. Loveling) door de talentvolle Jufvr. J. Matrige.

De heer Horowitch deelde het onderhoud mede,

**Laeken.** — La 26a de Aprilo, okazis ĉe la grupo « La Semanto » la vesperkunveno pri la finiĝo de la dua kurso organizita de la grupo.

Multaj samideanoj de l' grupo « Pioniro » ĉeestis kaj alportis simpatian viglecon al la festo. La programo enhavis muzikaĵojn, kantojn kaj deklamojn; nur la lernantoj de la kurso plenumis tiun programon kaj rikoltis unuanimajn aplaŭdojn.

Inter la unua kaj dua parto de la festo, Sro Bero, lernanto de la dua kurso, je la nomo de ĉiuj gelernantoj, kore dankis la profesoron Sron Luc. Blanjean; samtempe fraŭlineto Vallez prezentis al li belegan donacon, memoraĵon de la kursaj kunvenoj.

Sro Saucin, sekretario de la Popola Universitato esploris la rezultatoj akiritaj dank' al la agemo de l' grupo, kaj la prezidanto Sro Calais legis leteron de Kto Ch. Lemaire kiu, senkulpigante sian foreston, partoprenis tutkore al la simpatia manifesto je la honoro de Sro Blanjean. La prezidanto montris ankoraŭ la gravecon de la nuna movo kaj antaŭvidis la feliĉajn rezultatojn, kiuj ni espereble ricevos post alpreno de dua lingvo, la sama por ĉiuj.

Siavice, Sro Luc. Blanjean dankis la organizantoin de tiu frata festo, gratulis la lernantojn pri ilia diligenteco kaj deziris fruktodonan rikolton por la semita grajno.

La festo finiĝis tre malfrue, meze la plej ĝoja entuziasmo.

**Antverpena Grupo Esperantista.**— La agema Antverpena grupo finigis la vintran sezonon, invitinte siajn membrojn al muzika vesperkunveno kiu okazis je 4a de majo. Eleganta publiko plenigis la luksan vastan salonon de la « Taverne Royale »; precipe multnombraj esperantistinoj ĉeestis tiun feston, pruvante ke Esperanto estas alte ŝatata ankaŭ de la ĉarma sekso.

Je l' flankoj de la Prezidanto de Grupo ni rimarkis la Bruselajn samideanojn J. Jamin kaj L. Blanjean, la Prezidantojn de la Berchem'a grupo kaj de la *Verda Stelo* (Zurenborg) kaj la Antverpenan komitaton. — Dro Raym. Van Melckebeke deziras la bonvenon al la ĉeestantoj kaj tutkore dankas la sindonemajn sinjorinojn kaj fraŭlinojn kiuj tiel bonvole kunhelpas je l' sukceso de la festo.

Baldaŭ la kanto « *Flugintaj revoj* » (P. Wachs) ĉarmis niajn orelojn; la dufoja, de ĉiuj petata, kantado sufiĉe pruvas kiel perfekte la ĝentila Srino J. Jacobs kantis tiun romancon.

« *Estas la kato...* » tre sprita kaj lerta deklamaĵo de Fino C. Giffroid ĉiujn amuzis.

Sinjorino L. Jansen kies talenton la grupanoj jam alifoje aplaŭdis ĉarmis nin per la melodio « *Strofoj* » (Flégier) kaj la dolĉa romanco « *Lulila kanteto* » (Keurvels).

Ne malpli belaj nek malpli aplaŭdataj estis la « *Ho, mia kor...* » (J. Guivy) kaj la poezio « *La Donaco* » (R. Loveling) de talenta Fraŭlino J. Matrige.

Sinjoro Horowitch rakontas sian intervidiĝon

dat hij gedurende zijn laatste reis met Dr Zamenhof had gehad.

Aan « *Kanto de Printempo* » en « *Nokta Kvieto* » (Gohr), prachtige duetten gezongen door Mevrouw V.Claessens en Jufvr.S.Vernay, vielen herhaalde en verdiende toejuichingen ten deel.Hetzelfde gebeurde met «*Serenado*» (Lassen) door Mevrouw J. Jacobs gezongen,en het verheven gedicht «*Preĝa alvoko*» (L. Zamenhof) door Jufvr. Giffroid gedeclameerd.

Daarop deed de heer L. Blanjean een warme en krachtige aanspraak, waarin hij het overgroot genoegen meldde dat hij telkenmale voelt, wanneer hij een feest der wakkere Antwerpsche groep bijwoont.

Wat zeggen over het laatste nummer van dit zoo geslaagd programma : « *La Espero* » ? Het was een algemeene geestdrift wanneer het dameskwartet deze levendige hymne zong,waarvan de laatste stofe door al de aanwezigen in koor werd herhaald. Luidruchtig werd de heer O. Van Schoor, komponist van dit schoone stuk, opgevorderd, die door deze sympathische betooging zichtbaar ontroerd was.

Vergeten wij niet bijzonder den talentvollen en verkleefden Dr W. Van der Biest te vermelden, die de muziekstukken begeleid heeft en aan wien men grootendeels het welgelukken van het feest schuldig is.

Om 11 uren verlieten de leden hoogst vergenoegd de feestzaal met het voornemen a. s. jaar met nieuwen ijver tot de A. G. E. terug te keeren.

Voegen wij hier bij dat over dit schoone feest uitvoerig verslag werd gegeven door de Antwerpsche nieuwsbladen «La Métropole» en «La Presse.»

**Berchem'a Grupo Esperantista.** — Buitengewone zitting, op woensdag 24n der verleden maand, in deze jonge,doch geestdriftig bloeiende vereeniging! Tal van heeren en damen uit Antwerpen, waaronder de beste Esperantisten, waren naar Berchem gekomen om hunne medebroeders door woord en daad aan te moedigen, en de Berchemsche Esperantisten wisten hunne bezoekers goed te vergasten, om niet te zeggen te verrassen. Na een korte les door Dr Broeckaert, gaf de schrijver, Prof. Van Laere, een zeer gelukt esperantisch verslag over de laatste verbroedering met de Verda Stelo te Zurenborg, opvolgentlijk kregen we gansch origineele verhandelingen, gedichten en vertelsels door de leden van de groep te hooren : *La ora tabakujo*, *Sonĝo*, *La pafisto*, *Mia kara pipo*, enz. Luidruchtiger werd het in de zaal van het « *Café des Arts* » toen de vriend Van der Straeten het muzikaal gedeelte aanving door een krachtig aanheffen van het « *Himno* » van Zamenhof, dat in koor werd herhaald. En dan, ho! dan was het 't eene esperantolied na het andere! Gasttablestro Swagers dischte ons zijn leutige gezangen op : *Trinkkanto*, *Krambamboliaĵo*, *Ĉiusabate* enz., en 't dreunde, en men lachte, en 't was dan ook zoo intiem broederlijk tusschen al die samideanoj, dat men hadde gewenscht zoo maar uren lang nog te mogen verbroederen. Het was ook reeds « morgaŭa tago » toen voorzitter Prof. Haevermans het « ĝis la revido » uitriep, en eenieder, verrukt over zoo'n genoeglijken avondstond, huiswaarts keerde.

kun Doktoro Zamenhof dum sia lasta vojaĝo.

« *Kanto de printempo* » kaj « *Nokta kvieto* » (Gohr) belegaj duetoj kantitaj de Sinjorino V. Claessens kaj Fraŭlino S. Vernay ricevis merititajn ripetitajn aplaŭdojn. Same okazis pri *Serenado* (Lassen) de Sinjorino J. Jacobs kaj pri la belega poezio « *Preĝa alvoko* » (L. Zamenhof) de Fraŭlino Giffroid.

Poste Sinjoro Blanjean aldonis kelkajn varmajn, energiajn parolojn dirante kiom li estas feliĉa ĉiufoje kiam li ĉeestas feston de la agema Antverpena Grupo.

Kion diri pri la lasta numero de ĉi tiu sukcesinta programo « *La Espero* »? Estis ĝenerala entuziasmo kiam la kantantaj Sinjorinoj finigas tiun vivoplenan himnon per rekantado de la unua strofo kiun ĉiuj ĉeestantoj ripetas. Bruege ili petas la aŭtoron de tiu bela muzikverko; kaj oni kondukas sur la scenejon Sinjoron O. Van Schoor, la Vicprezidanton, kiu salutante estas videble kortuŝata pri tiu simpatia elmontro.

Ni ne forgesu citi speciale la talentan kaj fervoran Doktoron W. Van der Biest,kiu akompanis la muzikaĵojn kaj al kiu estas grandparte ŝuldita la sukceson de la festo.

Je la 11a h. ĉiuj samideanoj kontentaj pri tiu agrabla kunveno forlasas la salonon promesante ke la proksiman jaron ili revenos kun nova fervoro al la Antverpena Grupo Esperantista.

Ni aldonu ke pri tiu bela festo la Antverpenaj gazetoj «La Métropole » kaj «La Presse » publikigis detalajn raportojn.

**Berchem'a Grupo Esperantista.** — Merkredo je 24a de Aprilo, speciala kunveno okazis en tiu entuziasma floranta societo. Multaj sinjoroj kaj sinjorinoj el Antverpeno, inter kiuj spertaj Esperantistoj, venis en Berchem por kuraĝigi per parolo kaj faro siajn kunfratojn; kaj la Berchem'aj Esperantistoj akceptis bonege, eĉ surprizis, siajn gastojn.

Post mallonga leciono instruita de Dro Broeckaert, Sro Sekretario Van Laere legis interesan raporton pri la fratiĝo kun *La Verda Stelo* en Zurenborg. Poste oni aŭskultis serion da originalaj verkoj, poezioj kaj rakontoj de la grupanoj : *La ora tabakujo*, *Sonĝo*, *La pafisto*, *Mia kara pipo*, k. t. p. — Fariĝis brue en la salono de la *Café des Arts*, kiam amiko Van der Straeten komencis muzikan parton per ekkanto de « *Himno* » de Zamenhof, kaj poste unu Esperanta kanto sekvis alian. Gasttablestro Swagers ekkantis siajn petolaĵojn : *Trinkkanto*, *Krambamboliaĵo*, *Ĉiu sabate* kaj estis bruado, ridado, intima frateco inter ĉiuj samideanoj: volonte oni estus fratiĝanta tiamaniere dum horoj...
Estis ja morgaŭa tago kiam Prezidanto Havermans ekkriis la « Ĝis la revido » kaj kiam ĉiuj post tiel agrabla vespero hejmen reiris.

Bravo Berchem, en een driedubbele ban: Ĉiu! Cie! Ĉiam! Ĉu!!...

**La Verda Stelo.** — Deze jonge groep, eerst vóór drie maanden gesticht, telt reeds 90 leden. Haar leergang bij eene der gemeentescholen der stad ingericht wordt druk bezocht en de grupanoj, die altijd en overal de groene ster als herkenningsteeken dragen, onderscheiden zich door hun doelmatige en onvermoeide propaganda. In het lokaal der maatschappij ligt de « Belga Sonorilo » op de leestafel.

De handelingen van « La Verda Stelo » trekken algemeen de aandacht van het publiek in het bevallige en volkrijke Oostkwartier der stad.

Brave, Berchem! triobla aplaŭdo: Ĉiu, Ĉie, Ĉiam, Ĉu!...

**La Verda Stelo.** — Tiu juna grupo, nur fondita de tri monatoj, enhavas jam 90 membrojn. Ĝia kurso, organizita en unu el la urbaj lernejoj, estas fervore vizitata kaj la grupanoj, kiuj ĉiam kaj ĉie surmetas la verdan stelon kiel rekonosigno, distingas sin per sia laŭcela kaj nelacebla propagando. En la sidejo de la societo « La Belga Sonorilo » kuŝas sur la legtablo.

La agadoj de la « Verda Stelo » altiras ĝenerale la atenton de la publiko en la multhoma kaj ĉarma orienta kvartalo de la urbo.

---

## BIBLIOGRAFIO.

*Vocabulaire Français-Esperanto technologique* des termes les plus employés en photographie et dans ses rapports avec la chimie, la physique et la mécanique par Ch. Verax, 1907, Paris, Charles Mendel, éditeur. 44 paĝoj. Prix : 0,75 fr.

La apero de teknika vortaro atestas ĉiufoje grandan progreson de la Esperanta movado, ĉar, kiam la lingvo interesas sufiĉe da samprofesianoj por ke ili bezonu teknikan vortaron, tiam fakte pruviĝas utilo de internacia lingvo. — La verko de S° Ch. Verax estas zorge prilaborita. En scienco kiel kemio la kreo de teknikaj afiksoj estas nepre necesa kaj nia persona opinio estas ke la aŭtoro bone elektis ilin. Laŭ proponoj jam faritaj de konataj esperantistoj en Scienca Revuo (1904 p. 22 kaj 93) li simpligis kelkajn radikojn jam presitajn en « Fundamento » interalie *sulfo* kaj *fosfo* por ebligi pli regulan kaj pli internacian formadon de vortoj : *sulfato. fosfato* k. t. p. ; same por *arseno* anstataŭ *arseniko*, sed ĉi tie la ŝanĝo estas malpli grava ĉar oni povos konservi la vorton *arseniko* por la arsenoza oksido nomata en franca lingvo « arsenic ».

Utile la aŭtoro povus ankaŭ reguligi kaj simpligi *klorhidrikacido*'n k. a. uzante *klorhidracido* : la kemia sufikso *ik* estas senutila ĉi tie ĉar ne ekzistas *hidrozacido*.

Krom la novaj radikoj, ĝenerale bone elektitaj, multaj vortoj plaĉas pro sia lerta kunmetiĝo.

Kompreneble neniu postulos ke tia nomaro estu perfekta. Ĝis kiam la Internacia Scienca Oficejo kaj la Lingva komitato estos kolektintaj kaj diskutintaj la ekzistantajn nomarojn, ĝi restos nur provo, sed provo plej interesa kaj verko pri kiu la sperta aŭtoro meritas gratulojn.

D^r^ Rem.

---

## Enketo pri Enketo-Konkurso.

Niaj legantoj scias ke « *Tra la Mondo* » malfermis grandsukcesè internacian enketon pri edukado. La intereso de l' raporto, nune publikigata, montras kiom Esperanto taŭgas por tiaj esploroj.

Sekve nia ŝatinda kunfrato intencas malfermi baldaŭ novan enketon. Por ke tiu ĉi utilu, kiel eble plej frue al la esperantistoj, tiuj ĉi estas petataj konigi mem la temon, kiu ŝajnas al ili pleje esplorinda.

Pri tio, estas malfermita prepara enketo, sekvota de aljuĝo de premioj, al kiuj ni altiras la atenton de niaj legantoj. La demandaro de l' konkurso estas en la 10a n° (75 c. ĉe *Tra la Mondo*, Meudon, S. & O., France).

## TRIA KONGRESO.

### Al Pastroj.

La Sekretario de la katolika Komitato dum la « Cambridge » Kongreso, rogas siajn kunfratojn, pastrojn, komuniki kun li pri loĝejoj, konvenaj, malkaraj kaj proksimaj de la Preĝejo Katolika.

La Parokestro, Mgr. Scott, ŝatus scii la nombron proksimuman, da Pastroj katolikaj apudestontaj la kongreson.

Sin turni al

M. l'Abbé Richardson,
Institut S^t^ Louis,
Bruxelles.

Pri loĝejoj, la Abato Richardson povas ankaŭ doni kelkajn adresojn al aliaj kongresontoj ne pastroj.

---

## Belga Ligo Esperantista.

Ni jam anoncis ke, por apogi la klopodojn de la komitato de la Ligo apud la regantaro, kaj laŭ speciala rekomendo, la komitato decidis rogi de la membroj provajn dokumentojn, kiuj montros la nunan disvastigadon de la lingvo en Belglando. La klopodoj celas precipe enkondukon de la lingvo en la oficialaj programoj pri lernado.

Ni ricevis la unuan centon de tiuj folioj ; ĝi apartigas tiele :

| | |
|---|---|
| el Grivegnée-lez-Liége . . . . | 2 |
| el Namur . . . . . . . . . | 19 |
| el Bruxelles (kaj ĉirkaŭaĵo t. e. Ixelles, S^t^ Gilles, Laeken, k. c.) | 79 |
| Sume . . . | 100 |

Ni esperas ke baldaŭ ni ricevos la resendon de la folioj, kiujn la ligaj grupoj ricevis ; ĉiu esperantisto devus doni provon.

---

## Poŝta Kesteto.

S^ro^ **G Tétaud**, instituteur, rue des Bons-Enfants, à Cholet (Maine-et-Loire, France), instruisto, deziras korespondi per Esperanto kun geinstruistoj nefrancaj. — Skribu al li.




FUNDAMENTA REGULARO.

ART. 1ª. — Grupo fondiĝis en Bruselo havante kiel celon, la disvastigadon de la helpa internacia lingvo Esperanto.

Ĝi alprenis kiel titolon, la nomon « *Pioniro* ».

ART. 2ª. — La ĉefaj rimedoj por la agado de la societo estas speciale la jenaj :

1e Organizado de kursoj, paroladoj, festoj, kunvenoj, ekskursoj,

2e Starigado kaj ampleksigado de biblioteko,

3e Aliĝo al la Belga Ligo Esperantista,

4e Havigi al siaj partoprenantaj membroj, kiel eble plej malkare, ĉiuspecajn esperantajn presaĵojn.

ART. 3ª. — La grupo konsistas el efektivaj, protektantaj kaj honoraj membroj. Ĉiu persono enskribita antaŭ la 1ª de Marto 1907 estos proklamita « *membro fondinto* ».

ART. 4ª. — Por fariĝi membro de la grupo, oni devas plenumi la sekvantajn kondiĉojn :

1e Akcepti tiun ĉi regularon,

2e Pagi jaran kotizaĵon po 4 frankoj. Se kelkaj el la grupanoj estas samfamilianaj kunloĝantoj, la kotizaĵo por la unua estos nur 4 frankoj, la ceteraj kunloĝantoj pagos po unu, 1 frankon.

ART. 5ª. — La nomo « protektanta membro » estas donata al ĉiu efektiva grupano, kiu pagas jaran kotizaĵon po 10 fr. minimume.

ART. 6ª. — La nomo « honora membro » estas donata de la ĝenerala kunsido, laŭ propono farita de la komitato, al ĉiu persono farinta gravan servon por la afero esperanta.

ART. 7ª. — La societa jaro komenciĝas de la 1ª de Marto. La personoj enskribitaj post la 1ª de Septembro pagos nur duonan kotizaĵon por la kuranta jaro.

ART. 8ª. — La grupo estas administrata de komitato konsistanta el dekdu grupanoj elektitaj de la ĝenerala kunveno. Tiu ĉi elektas, plie, kvar anstataŭantajn membrojn, kiuj estas je la dispono de la komitato, por la okazo de eventuala plenigo de la konsilantaro. La komitato elektas inter siaj membroj :

1 prezidanton,
2 vicprezidantojn,
1 sekretarion,
1 helpantan sekretarion,
1 kasiston,
1 bibliotekiston.

ART. 9ª. — La komitato renoviĝas po unu duono ĉiudujare. La vico de elirontaj membroj de la unua seria eligo, estas montrota laŭlote.

La elirantaj membroj estas reelekteblaj.

ART. 10ª. — La komitato kunvenas tiel ofte, kiel estas necese por la utilo de la grupo, kaj almenaŭ je unufojo ĉiumonate. La anstataŭaj membroj ĉeestas la kunvenojn, kaj rajtas partopreni la diskutadon.

ART. 11ª. — La komitato povas rajte decidi nur se la plejmulto de la efektivaj membroj ĉeestas. Oni decidas nur laŭ la plejmulto de la voĉdonoj esprimitaj. Kiam la dispartiĝo de la voĉdonoj estas egala, la voĉdono de la prezidanto estas plileĝdona.

ART. 12ª. — Ĉiujare okazas ĝenerala kunsido en la monato Marto. Oni raportas tie, pri la ĝenerala stato de la grupo ; oni diskutas pri la aprobo de la societa bilanco kaj proponita budĝeto. Ankaŭ oni renovigas parte la komitaton.

ART. 13ª. — La komitato kunvokas eksterordinarajn ĝeneralajn kunvenojn, ĉu laŭ sia propra iniciato, ĉu laŭ peto subskribita de dudek grupanoj minimume.

ART. 14ª. — La kunvokoj pri ĝenerala kunveno estas sendotaj dek tagojn almenaŭ antaŭ la difinita dato de la kunveno ; ili enhavos la diskutotan tagordon. Oni povos nur decidi kaj priparoli pri aferoj rilataj al la tagordo.

ART. 15ª. — La ĝenerala kunveno povas rajte konsiliĝi nur kiam la triono minimume de la efektivaj membroj estas ĉeestantaj. Se ĉi tiu kondiĉo ne estas plenumita, la kunsido finiĝas, kaj ree oni kunvokos novan kunsidon je dato kiu ne povos esti prokrastita de la antaŭa malpli ol tridek tagojn.

La nova kunveno rajtas konsiliĝi, kiom ajn estas la nombro de la ĉeestantaj membroj.

ART. 16ª. — Decido de la ĝenerala kunveno estas nur plenrajta post kiam ĝi ricevas la duonon de la voĉdonoj esprimitaj.

ART. 17ª. — Specialaj sekcioj povas fondiĝi en la grupo post aprobo de la komitato. Ĉi tiu povos ĉiutempe nuligi sian aprobon kiam komuna bono ĝin postulos.

ART. 18ª. — Regularo pri internaj aferoj estas ellaborota de la komitato kaj prezentota al aprobo de la ĝenerala kunveno.

ART. 19ª. — La daŭro de la grupo estas senlima. En okazo de finiĝo, ĝia havo estos donacata al la kaso por propagando de la Belga Ligo Esperantista aŭ al ia simila esperantista grupo.

ART. 20ª. — Oni povos nur fari ŝanĝojn en ĉi tiu regularo, se ili estos akceptataj en ĝenerala kunveno, kaj almenaŭ aprobitaj de la du trionoj de la voĉdonoj esprimitaj.

*Akceptite kaj aprobite en Bruselo, la 24ªⁿ de Februaro 1907.*

La Sekretario,
O. CHALON.

La Prezidanto,
L. BLANJEAN.

---

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* Hachette & Cie.

**Grammaire et exercices de la Langue Internationale Esperanto** par L. de Beaufront. fr. 1.50
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . . . » 0.75
**L'Esperanto en 10 leçons** par Th. Cart et M. Pagnier . . . . . . . » 0.75
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . . . » 0.50
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. de Beaufront. . . . . . . . » 1.50
**Vocabulaire Français-Esperanto** par Th. Cart, M. Merckens et P. Berthelot . » 2.50
**Thèmes d'application** par L. de Beaufront . . . . . . . . . » 2.00
**Cours complet d'Esperanto**, par le Commt Matton . . . . . . . . » 1.50
Tous ces prix s'entendent : port en plus.

---

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland): **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door Dreves Uitterdijck, Trompschool, Hilversum : fl. 1.50 (fr. 3.25)
Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in 10 lessen**, . . . . . . . . . . . . . fr. 0.50
Verzendingskosten daarboven.

---

## Publications Espérantistes belges.

**Esperantaj Belgaj Presajoj**

Ĉe : A. J. Witteryck, 4, Nlle Promenade. Bruges.

**Het Esperanto in 10 lessen**, de A.-J. Witteryck 0.50
**Volledige Spraakleer** van het Esperanto, de A.-J. Witteryck. . . . . . . . . . 0,25
**Paĝoj el la Flandra Literaturo**, kolektitaj kaj tradukitaj de Dro Maurice Seynaeve kaj Dro Raym. Van Melckebeke . . . . . 1.50
**Blinda Rozo** de Hendrik Conscience, esperantigita de Srino Edm. Van Melckebeke-Van Hove. . . . . . . . . . . . 1.00
**Tra Mez-Afriko**, de Kto Ch. Lemaire. . . . . 2.50
**Companion** of the English Esperantist, by A.-J. Witteryck. . . . . . . . . . 0.50
**Kelkaj floroj esperantaj**, 3 broŝuretoj de A.-J. Witteryck. . . . . . . aparte 0.20
**Résumé de grammaire** Esperanto, d'après L. de Beaufront, par le Lt Colonel de Troyer 0.25
**Esperanto à l'usage des Français**, par H. Palmer 1.25

Ĉe : Sro E. Mathys.
urba instruisto kaj profesoro belarta, Louvain.

**Manuel complet** de langue Internationale Esperanto par les méthodes analytique et synthétique . . . . . . . . . . 0.30

Ĉe : Madame P. Dubois.
Grande Imprimerie du Centre, La Louvière.

**Cours méthodique**, d'Esperanto publié par « L'Instituteur Belge » . . . . . . . 0.65

Ĉe : We Demarteau-Thys & Zoon.
Hasseltschestraat, 21, Tongeren.

**Het Wetenschappelijk** vraagstuk eener kunstmatige taal, door J. Neerdaels . . . . 0.50

Ĉe Van Hille-De Backer.
Zirkstraat, 35, Antwerpen.

**La ĉiutaga Vivo**, de Sroj Swagers kaj Finet. . 1.00

---

**Aldonu la koston de la sendo.**

Ces prix s'entendent port en plus. | Bij deze prijzen zijn de verzendingskosten niet gerekend.

---

# L'ESPERANTO.

**Solution du problème de la Langue Internation. auxiliaire**

BROCHURE DE PROPAGANDE.

*NOUVELLE ÉDITION. — 1er JANVIER 1907.*

PRIX :

| | | |
|---|---|---|
| Un exemplaire franco | . . | 0.10 fr. |
| 10 exemplaires | . . . . | 1.00 » |
| 20 » | . . . . | 1.50 » |
| 50 » | . . . . | 3.50 » |
| 100 » | . . . . | 6.50 » |

Specimen gratuit
S'adresser à M. J. COOX, à Duffel. (Belgique).

## Belgaj Ligaj Grupoj.

**Antverpena Grupo Esperantista.** Prezidanto : Dro Raym. Van Melckebeke, 22, avenue des Arts, Anvers.
Sidejo : Taverne Royale, 39, place Verte, Anvers.

**Pioniro**, Esperantista Brusela Grupo. Prezidanto : Sro Lucien Blanjean, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Sekretario : Sro Octave Chalon, 34, rue Van Ostade, Bruxelles.
Sidejo : La Louve, 5, Grand'place, Bruxelles.

**Esperantista Societo**, en Verviers. Prezidanto : Sro Edouard Mathieu, 45, rue de la Montagne, Verviers
Sidejo : 20, Place Verte, Verviers.

**Grupo Esperantista**, en Huy. Prezidanto : Sro Thiry, commissaire-voyer, Huy.

**Liega Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro E. de Troyer, 28, Rue César Franck, Liége.
Sekretario : Sro Ansiaux, 29, rue St Gilles, Liége.

**Liera Grupo Esperantista.** Prezidanto : So Mengal, kapitano komandanto, Lierre.

**Bruĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto : So A-J. Witteryck, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

**La Semanto**, Grupo en Laeken. Prezidanto : So H. Calais, 23, rue du Chemin de Fer, Bruxelles.

**Grupo Esperantista**, en Duffel. Prezidanto : Dro L. Jacobs, Duffel.

---

## Aliaj Belgaj Grupoj.

**Section Espérantiste**, du Cercle Polyglotte de Bruxelles.
Sekretario : So Luc. Blanjean, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.

**Esperantista Lovena Grupo**, en Louvain. Prezidanto : Sro Advokato Edm. Van Dieren, Ste Barbarastraat, 14, Louvain.

**Grupo de la garnizono**, en Namur. Prezidanto : So Bisman, Kapitano de la 13a linia regimento.
Sidejo : Hôtel de Hollande, Namur.

**Berchema Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro prof. Ant. Havermans.
Sidejo : Café des Arts, Berchem.

**La Verda Stelo.** Prezidanto : Sro Fr. Schoofs.
Sidejo : Café Zomerhof, 32, place de l'Aurore, Anvers.

**Woluwa Blindulgrupo Esperantista.** Sidejo : Institut Royal des Sourds-Muets et des Aveugles, 72, Avenue Georges Henri, Bruxelles.

**Aliaj Grupoj** en St. Gilles, Namur, Malines, Gand, Andenne, Antoing, Renaix, Spa, Gembloux, k. c.

---